# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj Poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l ,
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.2 Februaro 1926 3.jaro.

## Sciigoj de la estraro.

La en januaro pagotaj sumoj g'is nun nur detale povis esti pagataj, ĉar ni nur tre malrapide ricevis la kotizaĵojn. Tial ĉiuj membroj estas patataj do tuj sendi al ni la kotizon por la jaro 1926. Post la kotiza pago ĉiu membro ricevis membrokarton kun verda stelo.

Ĝis kiam la unuig'o ne estas balancinta siajn ŝuldojn bedaŭrinde g'i ne eblig'as entrepreni grandegan propagandon. Tial, niaj membroj. faru propagandon de buŝo al buŝo kaj varbu novajn membrojn. Ĉiu nova membro alportas novan vivon en la klubon.

Jenaj membroj eksig'is je sia deziro: n-ro 47, 48, 76, 140, 194, 200, 217.
Bonvolu forstreki tiujn samideanojn el la membrolisto.

## Al niaj legantoj.

En nia gazeto aperos baldaŭ mallongaj, veraj rakontoj el la vivo de la
plej granda, germana ĉefrabisto
„ S c h i n d e r h a n n e s "
kiu naskig'is en 1779 kaj estas senkapigita en 1803.

VOJAĜO TRA SVISUJO JE KONSIDERO DE LA OFICIALAJ BILDPOŜTKARTOJ.

En la jaro 1923 la svisa poŝtadministracio, kiel unua lando interkomunikigis bildpoŝtkartojn. La kartoj havas en la maldekstra supera angulo malgrandajn vidaĵojn, kiuj montras al la rigardanto la belecojn de la lando. La bildoj plej multe reprezentas vidaĵojn de konataj komunikaj- kaj industriaj lokoj. En la sekvanta vojaĝ'raporto la nomoj de la lokoj kaj ejoj, de kiuj ekzistas bildpoŝtkartoj estas larg'e presitaj.

La ekkomenco de nia vojaĝ'o estas Romanshorn apud la lago de Konstanz. Per vagonaro ni forveturas ĉiam alten g'is 700 m. kaj nun atingas St. Gallen, industria kaj komerca urbo kaj centralo de la St.Gallen kaj Appenzella brodaĵindustrio.

De tie ni alvenas al la multvizitata freŝaere kuraca loko Lichtensteig kiu situas meze en bolega abaro. Ni veturas plue al la sidejo de la grafoj de Kyburg, la iamaj regantoj de la Thurgaŭ Fraŭenfeld. Nun ni venas al Zürich, la ĉefurbo de la kantono de la sama nomo. Ni ekvidas sur la bildkarto belan parton de Altzürich.

Nun ni veturas laŭlonge la bordon de la lago de Zürich kaj atingas la Klaŭsenpass kiu preterpasas je piedo de l' monto Töti kovrita per eterna neg'o, al Vierwaldstädtersee. Tiu-ĉi belega terpeceto mirinde ne estas trovebla sur iu bildkarto. Migrante laŭlonge la limon Lichtenstein ni baldaŭ atingas Bad Ragaz termobano, por reŭmatismaj suferoj. De tiu ojo ekzistas 2 bildkartoj, kuraca parko kaj nag'banejo.

Pasante nun trans la montaro ni baldaŭ alvenas al la bonkonata kuraca loko Arosa [1800m alta.] De tie ni marŝas Davos-on. Ankaŭ de tiu-ĉi mondkonata kuracejo kaj vintra sportloko ekzistas du malsamaj bildkartoj; plue ni trovas sur unu karto la Ofenpass. Nun ni vizitas la vintran sportlokon kaj kuracejon Bergün.

Per vagonaro ni forveturas al Pontresina, kiu pro sia admirinda alppejzag'o allogas multe da fremduloj. De tie ni atingas post preterpasado de kelkaj lagoj Silvaplana.

Daŭrigota.

La germana 50 R e n t e n p f e n n i g marko nedente.

D-ro v.H. sciigas al la Deutsche Sammler Ztg: Hazarde mi trovis hodiaŭ en ĉi-tiea poŝtoficejo folion de ne dentaj poŝtmarkoj je 50Pfg. de la renteldono. Bedaŭrinde mi ne kunportis sufiĉe da mono por akiri la tutan folion[100 pecoj]. Kiel filatelistoj ni ankaŭ devas kalkuli je tiu-ĉi marko, kvankam laŭ instrukcio tia folio ne devas esti vendata sed devis esti resendata al la regna presojo.



Giĉeto por kolektantoj en Nederlando.

La nederlanda ĉefpoŝtdirekcio sciigas ke la poŝtofico en Amsterdam provе vendas unu jaron la poŝtmarkojn de Nederlando, de la kolonioj Indujo, Surinam kaj Curacao al kolektantoj. La komisioj pri tiuj-ĉi markoj devas esti afrankite sendataj al la direktoro de la dirita poŝtofico. La sumo por la deziritaj markoj inkluzive repoŝtpago por enskribita letero, povas esti almetata en nederlanda mono, aŭ estos pagoŝarg'ata. Komisioj pri pli malmulte ol 5 guldenoj ne estas faratаj. Ĉiun merkredon kaj sabaton de 2-5 h. posttagmeze aparta giĉeto estas malfermata cele vendajon de markoj al kolektantoj. Preskaŭ ĉiuj kurantaj markoj estas haveblaj. Momente mankas la jubileoeldonoj de la kolonioj, la guldenvaloraj markoj de nederlando kaj la bonfaromarkoj.

Al sinjoro

doktoro F. S i g e l

D e t r o i t, Mich.

U s o n o.

Sinjoro H.Flemming skribis al mi, ke li estas vojag'onta Ĉinujon kaj Japanujon kaj tial li ne povus esti plu reprezentanto de la „Amikeco". Mi tre g'ojus, se vi surprenus la reprezentadon de nia klubo.

Esperante, ke vi akceptos la oficon kiel reprezentanto de la „Amikeco" mi salutas vin samideane J. G r o e b e l.

*

N I G R A L I S T O.

s-ro. Caramel Rèné, B-d. Malakoff 25. Oran, Algier. [Hemous no.432]

s-ro. George Beer, Lipot körut 5.III.BudapestV Hungarujo. [Hemous no.122]

---



---

Niaj membroj estas petataj: sciigu viajn dezirojn per malgrandaj anoncoj. Ĉiu linio kostas nur unu internacian respondkuponon.

---

Mi havas ŝ a n g' d e z i r o n laŭ la punktoj: a,b,d,e. Kiu sendos 100 diversajn, ricevos la samajn. Johann Baum, Koblenz,Kastorhof 33.I Germanlando.

---

Mi havas ŝ a n g' d e z i r o n laŭ la punktoj: a,b,d,e. Kiu sendas 100 diversajn, ricevos la samojn. Wilhelm Knoll, Koblenz,Kastorstr. 94 Germanlando.

---

Abonprezo: unu jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝang'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.
Fino de la akcepto de la anoncoj ĉiufoje la 20a de monato.